# Regione

Nº 6 - 1ª semestro / 1995

BRAZILA ORGANO DELEGITRETA
UEA / BR = REGIONOJ

AMAZONIA : Amazonas, Roraima, Amapá, Pará, Maranhão, Acre, Rondônia.

NORDORIENTA: Piauí, Ceará, Rio Grande do Norte, Paraíba, Pernambuco, Alagoas, Sergipe, Bahia.

CENTROKCIDENTA: Tocantins, Distrito Federal, Goiás, Mato Grosso, Mato Grosso do Sul.

ORIENTA : Minas Gerais, Espírito Santo, Rio de Janeiro.

SUDA : São Paulo, Paraná, Santa Catarina, Rio Grande do Sul.



Ĉefdelegito: Symilde Schenk Ledon
Redaktejo: Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP-BR
Regionaj Delegitoj:
Paulo Amorim Cardoso
Henrique Alan Kardec Mendonça
Luiz Alberto de Oliveira Coelho
Ronie Cardoso Filho

31ª
CONGRESSO BRASILEIRO
BRAZILA KONGRESO
DE
ESPERANTO
9.-14. JULHO JULIO 1995
Juiz de Fora - MG

LUNDO - 10.07.95

09:00 - 10:00

Ĉambro Caetano Coutinho
DELEGITA RETO

-Ĝenerala Raporto
-Agadplano
-Specifa Analizo

Gvide de Ĉefdelegito
Symilde Schenk Ledon

MARDO - 11.07.95

10:15-11:15

Ĉambro Jorge Firmino de
Sant'Anna
AMERIKA AGADO

Nuntempa fazo:
Planado kaj Atingoj
Celaj Signifoj
Prognozoj

Gvide de Komisionano
Symilde Schenk Ledon

Kongresejo:
Seminário Arquidiocesano
Santo Antônio
Av.Barão do Rio Branco,4516
Alto dos Passos,JUIZ DE FORA-MG
36026-500
Tel.(032) 234-2600

SALUTVORTOJ
al Prezidanto de la
31ª Brazila Kongreso
de Esperanto

Estimata:

Mi gratulas vin pro la farita laboro por organizadi la 31-an Brazilan Kongreson, kaj mi deziras grandan sukceson en ĉiuj kunsidoj kaj fruktodonan laboron. Speciale mi ĝojas pro la fakto, ke en Juiz de Fora okazos aparta programero pri Amerika Agado. Ja mi esperas, ke tiaj paŝoj konduku nin al vere pli struktura organizo por nia tiom vasta kontinento.

Ni, kiuj ne ĉeestos, certe plenĝoje aŭdos raporton pri la 31ª BKE dum nia kunsido pri Amerika Agado en Tampere, kaj mi ne dubas ke ĉi tiu evento estos kaŭzo, por daŭra fiero pri la forteco de Esperanto en Ameriko.

Amikajn salutojn de
Atilio ORELLANA ROJAS
Komisiito pri Amerika Agado
(Fakdelegito de UEA/ARGENTINO

## JARRAPORTO

Al Centra Oficejo de UEA
pri 1994 (januare 1995)

| | DR | Aliaj | Sumo |
|---|---|---|---|
| Leteroj senditaj | 71 | 35 | 106 |
| Leteroj ricevitaj | 69 | 30 | 99 |

Eldono de Bulteno "Regione"
nºj 4 k 5 (600 ekzempleroj)
Eldono de revuo "La Lampiro"
EASP nºj 71,72,73,74
Raportoj al BEL pri kongresoj de
UEA-Seulo kaj BEL-Natal,Komitatano"A"
Perado de aliĝoj
Organizado de eventoj:
EASP- 10ª E-Renkontiĝo Urbo SP
17ª E-Renkontiĝo Ŝtato SP,
Lorena
Prelegoj:
29/1/94,Ribeirão Preto(2ª E-Renkontiĝo Kultura Centro E. SP)
13/3/94,Guaratinguetá,SP(16ª E-R de Sudparaiba Valo)
27/3/94,S.Paulo(10ª ERUSP)
31/3/94,Buenos Aires,AR(2ª Seminario de E- en Ameriko)
30/4/94,S.Paulo, EASP(kun partopreno de A.Orellana Rojas)
20-22/5/94,Nova Friburgo(8ª E-R Ŝtato RJ
5"6/94,Barra Mansa,RJ(17ª E-R Sudparaiba Valo
10-15/7/94,NatalRN (30ª BKE)
4/9/94,Barra do Piraí,RJ(18ª E-R Sudparaiba Valo
8-9/10/94,Rio Grande,RS(5ª E-R Gaùĉa
26-27/11/94,Lorena(17ª E-R Ŝtato S.P.

Ĉefdelegito UEA/BR

**ŜANĜO DE ADRESOJ**

RAUL CONDE:Rua Dr. Diomedes Gentil
Santos,60-C.P.81
Bairro das Mansões
38180-000

ANDERSON ALVES DE AZEVEDO:
Av.Pres.Kennedy,263-apto.
501, Piedade.54420-050
JABOATÃO,PE

SIDNEY ASSIS BRASIL:C.P. 099
66017-970 BELÉM,PA

AMARÌLIO HEVIA DE CARVALHO:
Caixa Postal 246
78600-000 BARRA DO GARÇAS,
MT

JOSÉ MAURO PROGIANTE:Rua Almeida Bran-
dão,17-71.Jardim Brasil
17044-060 BAURU,SP

JOSÉ NERTAN AMORIM MEDEIROS:
C.P. 676. 40001-970 SALVA-
DOR,BA

**NOVAJ URBOJ**

BARRA DO GARÇAS,MT
RIO BRANCO,AC
RIO GRANDE,RS
SANTIAGO,RS
SÃO PEDRO DA ALDEIA
JABOATÃO
MACAPÁ

El tiuj urboj nur du jam estas sur sur la mapo de Brazilo en JL-95 : SANTIAGO kaj SÃO PEDRO DA ALDEIA.

La kromaj devos esti aperigotaj en JL-96
Ne plu validas surmape:Porto Ve - lho,RO S.Luis,MA
Guaratinguetá,SP

**KOREKTAĴOJ POR JL 95**

-Mankas la urbo ANÁPOLIS KUN FD Henrique Allan Kardec Mendonça
-En urbo Resende, la adresnumero strata estas 155 de la Delegito Carlos Alberto Andrade.

**NEKROLOGO**

FD NICOLA TALLARICO mortis en marto ,30/1995 (urbo São Paulo)

**SANĜO DE POSTENOJ**

BARRA MANSA,RJ:
Carlos Alberto Andrade fariĝis Delegito urba (plus FD);
Denise A.Deslandes rezignis pri posteno de Delegito kaj prenas tiun de VD;
Wilson Pereira Deslandes rezignis pri VD kaj daŭras FD.
BELÉM,PA
Pekim T.Vaz, fariĝis D kaj FD (etnismo).

**BONVENON AL NOVAJ DELEGITOJ!**

RONALDO DE OLIVEIRA
ILMAR G.FERREIRA
WANDEMBERG MORAIS
HAMILTON NERY
ELIO LOPES DE OLIVEIRA
LEONARDO RAMALHO
FERNANDO KORKIEVICZ
DANIEL DE O.SANTOS
HELDER DANILO DE OLIVEIRA

**NOVAJ TELEFONOJ**

PEKIM TENÓRIO VAZ (h)(091)226-8965
(of)(091)227-1222
NEUSA PRISCOTIN MENDES
(016)633-9157

## BONVENON AL REVENANTAJ DELEGITOJ

ELMA DO NASCIMENTO
NÉIA LÚCIA SOUZA
MANOEL TORRES DE ABREU
ANTONIO CARLOS ESSADO
RUY CAVALCANTI DE ALBUQUERQUE
RUI RAMOS MOURA DE ANDRADE

## SUBSTREKE

-Se vi rimarkas eraron rilate al vi, sur JL 95 bv. averti la Ĉefdelegiton
-Se vi ankoraŭ ne aperis sur JL 95 kvankam plenigis respondilon, ofte temas pri nesufiĉe frutempa sciigo por nova JL
A Ŭ
vi forgesis pagi la jarkotizon...
-Notitaĵoj kvankam novaj sur JL 95 jam estis komunikitaj en Regione nº 5 (dua semestro 94)
-Daŭre kelkaj Delegitoj komunikas ŝanĝojn rekte al Centra Oficejo de UEA kaj ne al ĈD-RD. Tio malfaciligas la kontrolon. Bv. atenti pri tio. Dankon.

## EL LETERO DELEGITA

"...mi estas je via dispono kaj de UEA rilate al posteno de Delegito en urbeto kie ne estas reprezentanto de nia lingvo, propagandi k instrui la Bazan Kurson, kion mi jam komencis, starigante du kursojn."

Raul Conde

# Pli da atento al amerika agado

*Atilio Rojas intencas kunordigi la laboron en Komisiono pri Amerika Agado, al kiu li serĉas kunlaborantojn. Jen citaĵoj el dissendita cirkulero:*

Ni planas realigi kalendaron pri la diversaj okazontaj dum la venonta jaro... Mi kolektos ĉiujn informojn, ordigos laŭ monatoj kaj sendos por diskonigo pere de la oficialaj organoj de la Landaj Asocioj, kaj mi plusendos ilin ankaŭ al E-revuoj.

Estus bone kadre de niaj Naciaj Kongresoj okazigi iajn kunvenojn por tiuj, kiuj interesiĝas pri la Amerika Agado. Tiuj kongresoj estas la plej konvenaj forumoj por pridiskuti niajn planojn, esperojn, laboron...

Aliflanke, mi deziras koni, ĉu ekzistas en via lando perkorespondaj kursoj, kaj se jes, por kiaj niveloj. Por interesiĝantoj estas plej utile doni adresojn el sia propra lando. Aldonu nepre la kontaktadreson.

Inter la plej gravaj problemoj de Amerika E-agado estas la informfluo. Mi, ekzemple, en Koreio ekaŭdis de aŭstra amiko pri Mezamerika E-Kongreso, okazonta iam en januaro de la venonta jaro. Mi demandis al pluraj homoj pri la afero, sed neniu sciis ion konkretan, eĉ ĉe UEA oni ne aŭdis pri tio... tamen Mark Fettes diris al mi, ke en Kosta-Riko estas serioza laboro tiucela. La informon li ricevis dum restado en tiu lando antaŭ nelonge. Tiu enketa vojo certe ne estas la plej konvena por informiĝi pri niaj eventoj...

Pri monaj temoj: ni ĉiuj scias pri la ekzisto de *Fondaĵo Ameriko* ĉe UEA, kiu celas helpi la Movadon en Centra kaj Suda Ameriko. Ĉi tiu fondaĵo ne kalkulas je multe da mono, kaj estus trafe, se ni, kiel loĝantoj de kontinento favorata, ankaŭ inkluzivas inter niaj celoj informadon pri ĝi, ĉar tiel ni altiros kontribuojn ankaŭ flanke de amerikaj esperantistoj. Certe ni devas veki intereson ankaŭ en la plej riĉaj landoj en la kontinento, kiel Usono kaj Kanado.

... Dum la 80-a UK estas ebleco starigi budon pri Ameriko, kiam ni povos informi al ceteraj esperantistoj pri la stato kaj evoluo de la E-movado en la kontinento, distribui revuojn kaj bultenojn el niaj landoj, ktp.

*Atilio O. Rojas, Argentinio*
*laŭ La Lampiro, decembro/94*

.(Sur paĝo 22, JL 95 "Instancoj de UEA" por Amerika Agado estas: estrarano Lins, Komisiito A.Orellana Rojas(FD-Córdoba, AR), Komisiono J.Bachrich (ĈD-Caracas, VE), S.Ledon(ĈD-S.Paŭlo, BR), H.Jimenez(CU), L.Torres (MX).

La kunsido pri AA dum la 80ª UKE en Tampereo, okazos en mardo, 25/7/95 en salono Klemola de la 14.00 ĝis la 15.30 Temaro: Legado de raporto pri laboro farita de la Komisiono kaj pri la E-Movado en ĉiuj amerikaj landoj. Elekto/konfirmo komisiona por AA. 3ª Ameri-ka Kongreso en Kostariko. Efikaj kontaktoj kun US kaj CA.

EL KORESPONDAĴO DELEGITRETA

-"Sen ordo en la afero,
ne ekzistas prospero"(LLZ)
Kiel mi povas ordigi mian "aferon"
Festivalan,kiam la Ĉefdelegitino
ne certas pri sia partopreno?Dio
nin helpu! Ĉiuj kiuj ne venos al
Barra... tiuj eterne pentos!"
FD- Amarilio H.Carvalho
(Kara, mi bedaŭras vian senesperiĝon,sed la Ĉefdelegitino ne povas esti samtempe en ĉiuj lokoj, tamen fakte mi eterne pentos!) SSL

-"Tre interesa kaj utila via laboro kaj certe ĝi estos bone aprezata en via lando" E.Kohei ,FD en Venado Tuerto,AR (edzo de ĈD Marta S.Solís

(Koran dankon pro la apogesprimoj)
SSL

"Kun koraj salutoj, gratuloj pro via agado kaj bondeziroj por la evento en C.do Jordão,21ªE-R de Sudparaíba Valo. Ekvenas al Paraíba do Sul la vico gasti la Sudparaiban R. ĉu ne? Nu, mi pretas por iu ajn dato ĉi-jara." RD-D-FD Luiz Alberto de Oliveira Coelho

(Mi dankas viajn afablajn vortojn kaj gratulas vin pro la okazigo de la 22ª E-R de Sudparaíba Valo! Sed ne invitu min por la postvenonta!
SSL

"Junulardelegitoj-Junulardelegitoj
Junulardelegitoj -Junulardelegitoj
Zorgu ni por ke, en 1996, ni havu en ĉiu urbo de nia regiono,kie estas E-movado JUNULARDELEGITON!"
RD-D-FD Paulo Amorim Cardoso
(Bonega propono,ni apogu vin)SSL

## NOTICOJ

- Laércio Klippel, iama delegito el Petrópolis,RJ nune malsana, donacis al RD L.A.de O.Coelho du grandajn libro-kestojn.Temas plejparte pri spiritismaj verkoj, i.a.77 ekz. de "Ha!Se mi Scius", kiujn li interŝanĝos por alilandaj libroj.
- Kiam la novbakita FD Carlos Alberto F.Silva enposteniĝis, fieris speciale la RD de Oriento,L.A.O. Coelho kiu rememoris sin kiel instruisto perkoresponda en la iamaj korespondkursoj de BEL. Rimarko: La filo de Carlos Alberto estas la fama junulo kiu parkerigis "La Dronintoj" de S.Chaves , kaj estis ege aplaŭdita en UKE , lastjare en Koreio.

**GRAVA INFORMO**

Estimata membro,
Antaŭ kelkaj semajnoj aperis la Jarlibro 1995.Kun la adresoj de 2166 delegitoj kaj 500 Esperantaj asocioj kaj instancoj ĝi estas informfonto, kiu ne havas komparon. Sed... ni ankoraŭ ne povis sendi ĝin al vi ,ĉar via membrokotizo por 1995 ĝis nun ne atingis nin . Se vi simple forgesis pagi la kotizon,nun estas la tempo por ordigi la aferon! Tuj post tio ni sendos la Jarlibron al vi.
Mi kore dankas por via remembriĝo

OSMO BULLER

direktoro de la Centra Oficejo

## KOTIZOJ KAJ PERANTOJ

Kategorioj

| | |
|---|---|
| MG | Individua Membro kun Gvidlibro tra la E-movado. |
| MJ(-T) | IM kun JL(kaj ĝis inkl.29 jaroj membro en TEJO kun Kontakto sen plia abonpago. |
| MA(-T) | IM kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto. |
| DM(-T) | Dumviva Membro pagas por la tuta vivo en unu fojo 25-oblon de la kotizo MA.Oni ricevas la JL kaj Eseranto,kaj , dum oni estas ĝis inkl.29-jara,membrecon en TEJO kun Kontakto kaj TEJO tutmonde. |
| DPat | Dumviva Patrono pagas por la tuta vivo en unu fojo 250-oblon de la kotizo MA.Oni ricevas la samajn eldonaĵojn , kiel DM,kaj estas aùtomate , membro de Societo Zamenhof. |
| PT | Patrono de TEJO pagas trioble la kotizon de MJ kaj ricevas la revuon Kontakto kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO. |
| DPT | Dumviva Patrono de TEJO pagas por la tuta vivo en unu fojo 25-oblon de la kotizo , de PT.Oni ricevas la samajn |
| SZ | Kotizo por Societo Zamenhof, aparta societo por financaj apogantoj de UEA (ne inkluzivas membrecon en UEA).La minimuma kotizo estas duoblo , de MA. |

| | |
|---|---|
| SA | Abono al Esperanto,sen membreco en UEA |
| Kto | Abono al Kontakto,sen membreco en UEA/TEJO |
| TT | Abono al TEJO tutmonde sen membreco en TEJO kostas la duonon de MJ |
| ED | Abono al Esperanto-Dokumentoj(en la angla,franca aù Esperanto)por 10 numeroj , kostas la duonon de MA |
| LPLP | Abono al Lingvaj problemoj kaj lingvo- planado kostas 65 gld.por individuoj kaj 138 gkd, oir institucioj |

**KOTIZPERANTOJ**

La perantoj akceptas membrokotizojn por UEA, laùlande fiksitajn en diversaj valutoj.Ili krome akceptas abonojn por Esperanto,Kontakto,Lingvaj problemoj kaj lingvo-planado , multaj aliaj E-gazetoj, kaj por la serio Esperanto-dokumentoj. Ili peras ankaù viajn donacojn al la Fondaĵoj de UEA.

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasília,DF

**KONTAKTO**
Laù multaj ĝi eĉ estas la plej bela Esperanto-gazeto.Kvankam ĝi estas junulara revuo, ĝiaj artikoloj estas interesaj por ĉiuj.Pro tekstoj kun facila lingvaĵo ĝi tre taùgas ankaù por komencantoj.Se vi estas mal pli ol 30-jara,Kontakto venos al vi aùtomate.

*Al REGIONE*
*Brazila Organo Delegitreta*

*Estimata,*
*mi petas Vin tralegi la kunsenditan artikolon.*
*Mi certas, ke vi konsentas pri la neceso haltigi la ĝisnunan tendencon de malmultiĝo de esperantistoj , kaj vi faros ĉion eblan laŭ viaj eblecoj.*
*Mi petas Vin aperigi en via gazeto revuo la aldonitan artikolon, ja certe estas multaj esperantistoj , kiuj legas nur vian eldonaĵon.*
*Se vi opinias la menciitajn strategiajn decidojn taŭgaj, mi estus danka, se en iu posta numero vi memorigus la legantojn pri ili...*
*Krome, mi petas vian helpon konatigi la enhavon de tiu artikolo al la estraranoj de via loka kaj landa E-asocio.*
*En Eventoj ni certe daŭrigos la traktadon de tiu temo.*
*Kun siceraj bondeziroj*
*Szilvási László*
*redaktoro de Eventoj*

**POR KE ESPERANTO RESTU VIVA**

Ĉu la lingvo Esperanto kaj la Esperanto-movado ankoraŭ ekzistas? Kaj se jes, ankoraŭ kiom longe? Eldonantoj de libroj, kasedoj ktp. ĉiutage frontas la problemon pri la magra kvanto de aĉetantoj (averaĝa eldonkvanto de libroj:500 ekzempleroj en Hungario en 1 jaro oni eldonis 36 E-librojn, nun 1...), organizantoj de aranĝoj nur revas pri amasa par-

topreno (antaŭ dekkelkaj jaroj ekz. IJK-jn partoprenis ĉ. 1000 gejunuloj, nun 200), kaj esperantistoj-aplikantoj amare renkontas la kreskantajn problemojn kaj prezojn (memoru pri la"ĉielaj" prezoj de IJK-95).
Ĉio ĉi povus esti nur subjektiva pritakso, se ni ne rigardus la konkretajn ciferojn. En la apudaj bildo k tabelo estas montrata la kvanto de UEA membroj en la lastaj jaroj.(Fonto: UEA).

**Ne kulpas la socilandanoj!**

Ofte oni aludis,ke la malkreskon de membroj kaŭzis la orient-eŭropaj ŝanĝoj, -sed tio ne estas vera, almenaŭ ne tiel globale! La ŝanĝoj en orienta Eŭropo komenciĝis en novembro-decembro de 1989,do efiko de tiuj aferoj povas esti respegulata en la UEA statistiko plej frue en la datumoj de 1992!



Linio: Individuaj membroj, Kolumnoj: suma kvanto

| | 1983 | 1992 | 1993 |
|---|---|---|---|
| Nombro de libroj | 219 | 205 | 136 |
| Sumo de paĝoj | 33139 | 25789 | 18511 |
| Tradukitaj beletrajoj | 42 | 31 | 28 |
| Averaĝa paĝkvanto | 151 | 126 | 136 |
| Averaĝa prezo | 15.2 | 15.9 | 20.1 |

La falon post 1987 ĝis 1992 do kaŭzis ne tiu fenomeno, sed tute aliaj faktoroj. Evidentas, ke esperantistoj atendis "ion", ion elstaran sukceson de la jubilea jaro por la disvastiĝo de Esperanto. Tio ne okazis, eĉ paralele la mondo eksplode internaciiĝas, tankiras antaŭen la angla - kaj multaj niaj iamaj homoj jaro post jaro seniluziiĝas, eksiĝas.

**Paralelaj tendencoj**

Evidente la Esperanto-komunumo ne nur el UEA-membroj. Sed ni devas konscii, ke ĝi estas la plej granda, kaj ĝenerale respegulas la staton de Esperantujo. Se ĝenerale en monda dimensio kreskas la nombro de esperantistoj, kreskas ankaŭ la nombro de UEA, -kaj ankaŭ inverse! Kompreneble en iuj landoj povas ekzisti kontraŭaj tendencoj pro aktiva, altnivela laboro de iu kolektivo, pro lokaj cirkonstancoj, ktp. sed en monda dimensio la UEA statistikaĵo tamen estas korelativa (samtendenca) al la ĝenerala bildo.

**Kritika (kriza) maso**

La malaltigo de membronombro (aŭ ĝenerale la nombro de esperantistoj, servo-uzantoj en si mem ne estas granda problemo - ĝis tiu malkresko atingas iun kritikan (krizan) nivelon: Se la nombro de servo-uzantoj tro malkreskas, malmultiĝas kaj plikostiĝas la E-servoj (perdas la allogan karakteron) kio kaŭzas plian neuzon de tiuj servoj kaj plian eksiĝon, kio denove kaŭzas la malaperon de E-servoj, aplikebloj...

Tiu diabla spiralo estas mort-danĝera al ĉiu firmao kaj same al nia E-movado! Esploru la sekvan tabelon( kompilita laŭ la revuo Esperanto en la red. de Ruslanda Esperantisto):

- **Tabelo sur paĝo 19** -

**Strategio necesas!**

Tiuj fenomenoj estas videblaj ne nur nun. Kiam ni startigis la gazeton Eventoj en '92, ni jam vidis ĝin kaj la temo "strategio" daŭre ricevis primaram prioritaton

Por haltigi kaj returni la nunajn tendencojn plej unue ni devas zorgi pri niaj jamaj membroj. la plej unua paŝo devas esti la zorgo pri la baza informfluo, kaj solvo de la parto de la lingvo-instruado.

Se la informfluo ne estas solvita,la informoj pri aranĝoj, libroj,eldonaĵoj, servoj ne atingas la potencialan uzanton... Kaj inverse, la renkonto de diversaj servoj generas la deziron fari aliajn.

Membronombroj de UEA

| jaro | AM | IM | sume |
|---|---|---|---|
| 1979 | | | 30810 |
| 1983 | | | 37501 |
| 1987 | 36351 | 7291 | 43642 |
| 1989 | 32474 | 7355 | 39829 |
| 1991 | 19146 | 8071 | 27217 |
| 1993 | 16041 | 7272 | 23313 |
| 1994 | 14495 | 7018 | 21513 |

AM: asociaj membroj,
IM: individuaj mebroj

**Pionira paŝo en Hungario**

Dum la ĉi-jara Ronda Tablo de hungariaj E-organizoj (estas ĉ. 20), la ĉees

tantoj post longa preparo fine akcep tis la sekvajn strategiajn decidojn:

"*Partoprenantoj de la Ronda Tablo konsentas pri tio, ke se oni volas restigi viva kaj disvastigi la Esperanto-movadon - estas fundamente necese ligi la lingvo lernantojn al la Esperanto-komu numo kaj movado. Por tiu celo*

*-1. La subskribantaj organizoj faras nur tiajn lingvo-instruadojn, E-kursojn, kie krom la lingvaj elementoj ankaŭ la in struado de*
- *la bazo de Esperanta kulturo*
- *movada strukturo*
- *enmovadaj servoj kaj ilia konkreta uzmaniero*

*estas konsiderataj kiel integra parto de la instrua proceso.*

*-2. La subskribantaj organizoj konsideras fundamenta postulo, ke la instruisto (kursgvidanto) ankoraŭ antaŭ la fino de la kurso instigu ĉiujn lern - antoj al abono de iu internacia Esperanta gazeto, certiganta la bazan informfluon.*

*-3. La subskribantaj organizoj akceptas kiel celo, ke ĉiu ilia membro abonu al iu internacia Esperanta gazeto, certiganta la bazan informfluon.*

Estas certe, ke tiuj paŝoj ne sufiĉas por haltigi la tendencon, sed ili estas la unuaj paŝoj. Pri pliaj paŝoj por plibonigi servojn, en praktiko utiligi la lingvon, faka aplikado ktp. serioze oni povas pensi nur post la plenumo de tiuj unuaj, nepre necesaj paŝoj!

**Kio sekvos?**

Evidente la problemo ne estas nur hungaria. Dependas de la konscienco de estraranoj, aktivuloj de ĉiuj E-societoj, kiel daŭriĝas nia vojo. La suprajn decidojn ni proponas al la atento de ĉiuj konsciaj E-organizoj. Kaj fine mi esperas , ke la temitajn "internaciajn E-gazetojn" - kaj ne nur Eventoj-n, oni volonte kaj kun utilo legos.

László Szilvási

(Reduktita teksto)

- - - - - - - - - - - - - - - - - -

**K O R E S P O N D I**

Ĉiu eldonajo enhavas pli ol 45 a - dresojn de gesamideanoj kiuj deziras korespondi aŭ interŝanĝi PM,PK aŭ aliaĵojn.Sendu vian anoncon por senpaga enpresigo. Lastan eldonaĵon vi ricevos sendante Internacian respondkuponon aŭ 100 uzitajn rememorigajn pm-ojn el via lando(se eble malsamajn).

R.MELO,34 Avenue de Russie
F.03700 BELLERIVE=s/A
FRANCIO

# Ago-Tago 1995

En sia marta kunsido, la Estraro de UEA unuafoje oficiale fiksis la daton de la Internacia Ago-Tago. Ĝi do okazos ĉiam la unuan sabaton de oktobro (kun ebleco ŝovi ĝin al la apuda vendredo aŭ dimanĉo). Ĉijare, do, la Ago-Tago okazos **la 7-an de oktobro.**

La Tago celas prezenti la ekziston kaj valoron de Esperanto al kiel eble plej vasta publiko. Ĝia natura celo estas la plej diversaj amaskomunikiloj, kies atenton povas kapti la informo, ke diverslandaj grupoj kunordigas sian agadon.

Estus utile trovi komunan mesaĝon, kiun ĉiu grupo povas prezenti al sialanda publiko: ĉijare UEA rekomendas, ke tiu mesaĝo ligiĝu al la 50-jariĝo de UN, kiun oni aparte festos du semajnojn post la Tago, la 24-an de oktobro.

## Superregado de la mondlingvoj

Kvankam UN proklamas sian apogon al la homaj rajtoj, ĝi ankoraŭ nenion faris por krei la kondiĉoj de egaleca interpopola komunikado, kaj anstataŭe apogas la superregadon de kelkaj 'mondlingvoj', solvo ne nur maljusta, sed ankaŭ kostega pro la postuloj de interpretado, tradukado kaj lingvolernado. La Esperanto-movado jam de pli ol jarcento praktikas kaj disvastigas modelon de vere justa kaj efika tutmonda komunikado, en kiu ĉiu homo evoluigas sian propran kulturon kaj komunikas kun la tuta mondo demokrate. *(Laŭ Mark Fettes)*

********************

LAÙLANDA

STATISTIKO

Jarlibro 95
Paĝo 294

LANDO : BRAZILO

Individuoj: 217

(plejnombra)

Ĉefdelegitoj: 1

(unu en ĉiu lando)

Delegitoj: 68

( tria loko )

Vicdelegitoj: 29

( unua loko )

Junulardelegitoj: 12

( unua loko )

Fakdelegitoj

( unua loko )

En
87 landoj

2166 individuoj

42 ĉefdelegitoj
1122 delegitoj
159 vicdelegitoj
68 junulardelegitoj
1567 fakdelegitoj

**Brazilo pintas en ĉiuj pozicioj, krom unu!**
**GRATULON DELEGITA RETO!**

D A N K E S P R I M O J

=========================

=====================

====================

Post kvin jaroj ene de delegitretaj taskoj, unue kiel Regiona Delegito (Sudo), kiam danke al la iniciato de la antaŭa Ĉefdelegito JORGE DAS NEVES, kaj kunklopodoj personaj ĉe U E A la regiona posteno eniris la Reton - due kiel Ĉefdelegito por Brazilo 92 - 95 mi entuziasme kaj ĝoje, kaj kial ne diri "dinamike", spertis multajn emociojn.
Sojle de la anstataŭigo en tiu ĉi elektojaro, propravole mi cedas la lokon al posteulo cele al renovigo labora.
Al la nova Ĉefdelegito

Manoel Borges dos Santos

mi deziras plenan suukceson:

li ricevas la Reton
en bona stato, eble
ne ideala, sed
al tio la strego
neniam ĉesos;

al la Retanoj,

fidelaj akompanantoj,

senlacaj kunlaborantoj,

MIAN PLEJ VARMAN

REKONON KAJ AMIKECON;

al la Regionaj

Delegitoj

RONIE CARDOSO FILHO

LUIZ ALBERTO DE O.COELHO

HENRIUQUE A.K.MENDONÇA

PAULO AMORIM CARDOSO

mian senliman kaj

admiran omaĝon,

Hedom

